## Parolas la prezidanto de
# Universala Esperanto-Asocio

Karaj samideanoj,

Dum malhela tempo oni serĉas la lumon. Lumon de klareco, lumon de l' vero, lumon de espero. Malesperiga aperas por multaj la nuna tempo, la okazaĵoj ĉiutagaj parolas ja lingvon nur tro klaran. Dum jaroj jam, pensantaj homoj avertis la mondon, la regantojn kiel la regatojn pri katastrofo al kiu neeviteble kuras la blinda homaro. Nenio utilis, la katastrofo venis. Kaj ĉion kion oni antaŭdiris pri kruelaĵoj, perfidoj kaj trompoj estas transpaŝita per la realaj okazaĵoj. Konservi meze de tiu ĉi infero surtera, klaran kapon, konfidon kaj kuraĝon estas heroaĵo.

Kaj necesegas havi klaran kapon, konfidon kaj kuraĝon! La ĉiutaga vivo faras tiom da postuloj al ĉiuj, ke ili estas kvazaŭ ekzercado konstanta. Kaj el tiu ĉi nerva batalo konsumanta la cerban forton, formiĝos generacio, alia ol tiu, kiun ni konis.

La militado minacas mizerigi la mondon. La malsato estas antaŭ la pordo de multaj landoj, dume en aliaj amasiĝas produktaĵoj nevendeblaj. La vivo iĝas batalo por la nutrado, sed en plej primitiva formo. Kaj kiam akirado de nutraĵoj fariĝas ĉefa okupo, ĉio alia suferas kaj nur la vulgaraj distraĵoj de l'homo trovas placon.

Atingitaj de tiu ĉi marasmo estas ankaŭ ĉiuj kulturaj movadoj kaj inter ili, la nia. Hodiaŭ nur kelkaj landoj ankoraŭ partoprenas la rondon familian. De l'oriento ĝis okcidento de Eŭropo etendiĝas tombeja silento. Kaj nur ĉe la periferio, Esperanto vegetas.

En la mezo de Eŭropo, en Svislando flirtas vigle la flago esperantista. Ĝenevo, la natura centro de l'internacia agado sendas al vi ĉiuj sian fratan saluton. La okazintaĵoj depost 1936 pravigis la homojn, kiuj tiutempe kontraŭis la detruon de Universala Esperanto-Asocio. Mi ne volas reveni je aferoj estintaj, sed rigardi en la estontecon.

Post funda ekzameno de la situacio, la Estraro de UEA decidis daŭrigi la agadon kaj servi kiel centro de praktika Esperantismo. Apud la multaj taskoj ankoraŭ plenumeblaj pro la unika pozicio de Ĝenevo, UEA klopodas efike por helpi samideanojn, viktimojn de la nuna katastrofo. Ligante tiel idealismon kun reala praktika agado, ĝi nur faras tion, kio estis la bazo de ĝia fondiĝo. Esti utilaj al ĉiuj Esperantistoj, estis kaj estas la neskribita devizo de UEA.

La jaro 1941 estos eble decida por la tuta mondo. Kaj ankaŭ por nia movado. Tial nia Estraro decidis eldoni la gazeton Esperanto, almenaŭ sesfoje dum la jaro kaj se eble eĉ suplementon al la Jarlibro 1940. Per minimumo da rimedoj atingi la maksimumon da servoj, realigi tiun ĉi sorĉaĵon, la Esperanto de UEA trovis. Konklude: UEA vivas, funkcias kaj servas.

Karaj samideanoj! Por ke UEA povu plenumi sian rolon, necesas via apogo. Mi tial invitas vin kunhelpi per via kotizo, kiu rajtigas kiel antaŭe al la kutimaj liveraĵoj de UEA. Aliĝu, se tio eblas al vi, kiel Subtenanto pri kies rajto vi estas informata. Se vi volas esprimi vian inklinon al UEA, tiam subtenu ĝin per donaco. Fari donacon al UEA signifas rekte helpi al multaj samidienoj nun en mizero.

La membrojn de IEL mi atentigas, ke ne ekzistas ia malhelpo subteni unu UEA. Por forigi eventualajn skrupulojn mi rimarkas ke vi povas aboni la gazeton Esperanto, ne estante membro de la Asocio. Vi ricevas la samajn objektojn, premiojn k. t. p. kiel ĉiu ordinara ano de UEA.

Kiel ajn finos la milito, Esperanto reprenos sian lokon. Kaj kun ĝi Universala Esperanto-Asocio, la aktiva organizo esperantista.

Frate vin salutas!

**H. Kürsteiner**

# Kotiz-tabelo kaj pagmaniero por jaro 1941

**Estas citataj nur la landoj atingeblaj. Abono sen membreco, sama prezo kiel MA**

| Lando | Mono | MJ | MA | MS | |
|---|---|---|---|---|---|
| **Argentino** | Pes. | 2·50 | 8·25 | 20 | ĈD: Daniel Quarello. Str. Sarmiento 3867, Buenos-Aires. |
| **Aŭstralio** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 | Rekte al C. O. de UEA. |
| **Brazilo** | Milr. | 12 | 30 | 80 | Oni povas pagi al Ĉ. D. portugala. |
| **Britlando** | Ŝil. | 4 | 10 | 20 | ĈD: Albert E. Hepton, Grafton Street 89-a. **Hull.** |
| **Bulgarujo** | Leva | 50 | 125 | 350 | ĈD: Rad. K. Triĉkov, ul. Knjajevska 76, **Vratza.** |
| **Ĉinujo** | Dol. | 3 | 7·50 | 20 | Oni pagu rekte al C. O. de UEA, Genève. |
| **Danlando** | Kr. | 4 | 10 | 25 | ĈD. A. P. Dueholm, Bryggewangen 4, St. th. **Köbenhavn-O.** |
| **Egipto** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 | Rekte al C. O. de UEA. |
| **Finnlando** | Fmk. | 40 | 100 | 250 | ĈD: Olli Laukkanen, Luotsikatu 4 A 6, **Helsinki**, I. |
| **Francujo** | Fr. fr. | 15 | 40 | 125 | UEA poŝtĉeko Lyon, 221·76 (Universala Esperanto-Asocio). |
| **Greklando** | Dr. | 100 | 250 | 800 | ĈD: Stavro Patsouris, 29, Odos Tsamadou, **Athènes.** |
| **Hispanujo** | Pes. | 8 | 20 | 50 | Rekte al C. O. de UEA. |
| **Hungarujo** | Peng. | 4 | 10 | 25 | ĈD: D-ro Jozefo Takacs, Magyar ucca 26, **Nagymaron.** |
| **Italujo** | Lir. | 12 | 30 | 90 | Rekte al C. O. de U. E. A. |
| **Japanujo** | Jen. | 3 | 8 | 15 | Rekte per internacia poŝtmandato, aŭ bankbiletoj. |
| **Jugoslavio** | Din. | 30 | 100 | 200 | ĈD: Radomir Klajiĉ, Svetosavska 23, **Beograd**, poŝtĉekkonto 50-967 |
| **Novzelando** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 | ĈD: L. E. Dust, 20 Chelsea Str. Miramar, **Wellington** E-4. |
| **Palestino** | | Laŭ brita tarifo. | | | Peranto: F-ino Selma Moscicki, 25 Zefania str. Jerusalem. |
| **Portugalo** | Esk. | 15 | 40 | 100 | ĈD. Manuel de Freitas, Rua Monte da Lapa, 9, 1. o, **Porto.** |
| **Rumanujo** | Lej. | 100 | 250 | 800 | Peranto: H. Harabagiu, Delegatul Asociatiei Universale de Esperanto (UEA) Geneva, Bucureŝti II—Str. Eminescu 27-1 Konto n-ro 11·308. |
| **Svedlando** | Kr. | 4 | 10 | 20 | UEA. Poŝtĉekkonto, Stockholm 3138. |
| **Svislando** | Frk. | 4 | 10 | 20 | Rekte al C. O. de UEA. Poctĉeko: Genève I. 2310. |
| **Urugvajo** | Pes. | 2·50 | 5 | 20 | Rekte al C. O. de UEA. |
| **Usono** (Kanado) | Dol. | 1 | 2·50 | 5 | ĈD. J. Dubin, 646 Westview Street **Philadelphia** (Penn). |

# Aliĝilo

Mi (re)aliĝas al Universala Esperanto-Asocio por 1941 kiel — Membro kun Jarlibro — Membro-Abonanto — Subtenanto*) kaj pagas la kotizon de .................... al Ĉefdelegito ....................
.................... al poŝtĉeko ....................

Mi abonas por jaro 1941 gazeton **Esperanto**, kaj pagas la sumon de .................... al ....................
....................

Mi elektas kiel premion de frupago: (citu tuj plurajn numerojn): 1) ....................; 2) Okaze de elĉerpiĝo: ....................; 3) Aŭ ....................

Loko kaj dato: ....................

**Subskribo:** ....................

**Nomo kaj adreso:** ....................

*) Forstreku nebezonatan!